**Atilio Orellana Rojas**

# Ĉefartikole...

Jen en viaj manoj numero de IPR, kiu prezentas al vi la agadon de la Ligo dum la jaro 2003. Per ĝi ni pretigas nin al la Konferenco, kiu ĉi-jare okazos ne en Ĉinio, kiel komence planite kaj informite ankaŭ pere de ĉi tiu kanalo, sed en Bratislava (Slovakio).
La jaro 2004 alportis al la Estraro de ILEI la defion pri refortigo de la membronombro. Estis lanĉita kampanjo jam en decembro 2003, proponante favoran kotizon al la fruaj (re)aliĝintoj, estis enkondukita nova kotizkategorio kaj lanĉita tiucela varbilo.
Sekciestroj kaj reprezentantoj brave respondis al tiu alvoko: ĝis la finverko de ĉi tiu artikolo Brazilo staras unua en la vico laŭ membronombro kun 194 anoj, sekvas Pollando (64), Usono (68), Italio (48), Francio (32) kaj Nederlando (31). Same valora estas la klopodoj en Britio por la restarigo de la Sekcio kaj la reakiro de ILEI-anoj. Tie nia membraro kreskis 460% kompare kun la jaro 2003! Nun ili fiere paradas antaŭ ni kun 23 membroj. Imitinda ekzemplo!
La enkonduko de nova kategorio permesas al ILEI kalkuli nun je 67 retaj membroj, la plejmulto el ili en Pollando (49) kaj Usono (12). Ili malplikoste aliĝas al la Ligo, rete ricevas IPR kaj estas konsiderataj plenrajtaj membroj de la ILEI. Ni antaŭvidas, ke estonte pli kaj pli da ILEI-anoj elektos ĉi tiun vojon sekve de la popularigo de la uzo de la reto.
Diversloke en la mondo estas instruistoj, kiuj ŝatus enesti nian organizon, sed transpagaj kaj/aŭ financaj malfacilaĵoj malpermesas tion. Bv ne forgesi, ke ĉe ILEI funkcias la tiel nomata ‘Fonduso Koleghelpa’, kiu ebligas al kolegoj en ĉi tiu situacio ĝui membrecon en nia organizo kaj sekve, esti informataj pri la agado de ILEI kaj la atingoj en la eduka/instruaj kampoj tra la mondo. Danke al la bonhavo de tiu Kaso 16 el niaj kolegoj estas subtenataj en 2004.
Parto de miaj nunaj estraraj taskoj estas la kompilado de diversaj informoj pri la anaro por ke ILEI havu klaran superrigardon. La laboro progresas, eĉ se malrapide. Ni bezonas koni retadresojn, profesion, ktp en kelkaj kazo eĉ scii, ĉu temas pri viro aŭ virino, ĉar la sola mencio de la nomo ne ĉiam donas indikon pri tio. Nur de proksimume 10% el nia membraro ni havas ĉiujn informojn. La Sekciestroj nun helpas en tiu

kolektado. Tiel, do, estonte eblos statistike montri al vi, kiom da el ni estas profesiaj instruistoj, kio estas la meza aĝo de nia membraro, ktp.
Surbaze de kio estas nun disponebla al ni, eblas konstati, ke 52,80% el nia membraro loĝas en Eŭropo, 41,90% en Ameriko, 3,95% en Azio, 1,10% en Oceanio kaj nur 0,30% en Afriko.
En Afriko kaj Oceanio certe ne mankas instruistoj kaj interesitoj agi kadre de ILEI, sed kio mankas estas la financoj.
Ĉi-kampe mencienda estas la agado de la Nederlanda Sekcio, kiu en la jaro 2001 decidis kunlabori kun la Sekcio en Kubo. Tio, interalie signifas, ke la Sekcio ebligis la ĉeeston de la Sekciestro en ILEI-Konferenco, de infano en la pasintjara IIK, kovron de membrokotizoj al ILEI, sendadon de instrumaterialo, ktp. Reciproke al Nederlando alvenas raportoj pri kursoj, pri seminarioj, pri instruado kaj klerigado de instruistoj kaj plej grave: la senlaca energio de la kubaj kolegoj, kiu estas kialo de inspiro al la nederlandaj instruistoj daŭrigi sian laboron.
Ni invitas la Sekciojn en pli bonhavaj landoj sekvi la agadon en Nederlando, interesiĝi pri la instrua forto en landoj kiel Benino, Barato, Mongolio, Senegalio, Zimbabvo, ktp kaj esti subtenilo por ke la instruforto povu kreski ankaŭ en tiuj regionoj. Volonte mi peros la kontakton.
Ĉi tiu optimisma kresko de ILEI certe alportas novan energion por la laboro, injektas entuziasmon, aŭgurigas al nia Ligo firman estontecon kaj esperigas, ke la financoj de ILEI iĝu pli fortaj por alfronti pliajn defiojn.

*Atilio ORELLANA ROJAS, Sekretario de ILEI*

# Estrara Raporto pri la jaro 2003

**1. Estraro kaj Komisiitoj**

**1.1 Estraro**

Ĝis la ILEI-Konferenco en Örestrand (Svedio) la estraro konsistis el S-ro Mauro La TORRE, (Prez.), S-ro Stefan MacGILL (Vicprez.), S-ino Agneta EMANUELSSON (Sekr.), S-ino Boo Mee KIM-LINDBLOM (Financoj) kaj S-ro Radojica PETROVIĆ (Membro). Okaze de elektoj restis en la estraro S-ro La TORRE (Universitata kaj Scienca Agadoj), S-ro MacGILL (Vicprez.), S-ino KIM-LINDBLOM (Financoj), S-ro PETROVIĆ (Prez.) kaj eniris S-ro Aleksandr BLINOV (Lerneja Agado, Instrukapabligo, Ekzamenoj), S-ro Hokan LUNDBERG (Retprojektoj, Junulara Agado, Informado) kaj S-ro Atilio

ORELLANA ROJAS (Sekr.). En novembro forpasis S-ino KIM-LINDBLOM kaj restis vaka la posteno de Estrarano pri Financoj. La Estraro petis S-inon Ulla LUIN provizore prizorgi la kasistan laboron ĝis la elekto de nova respondeculo komence de la jaro 2004. En IPR 03/3 aperis la biografioj de la elektitoj en la Konferenco. La Estraro kunsidis en aprilo kaj decembro en Beogrado kaj okazis retaj kunsidoj en septembro kaj oktobro.

## 1.2 Komisionoj

### 1.2.1 Ekzamena

Dum la Konferenco en Örestrand estis aprobita la konsisto de la Internacia Ekzamena Komisiono de ILEI/UEA: S-ro Duncan CHARTERS, Probal DAS GUPTA, Koffi GBEGLO, Mireille GROSJEAN, Boo Mee KIM-LINDBLOM, Katalin KOVÁTS kaj Bill MAXEY.

<table>
<tr><th>Sesio</th><th>Lando</th><th>Jaro</th><th>Elementa</th><th>Meza</th><th>Sume</th></tr>
<tr><td>1) Antananarivo</td><td>Malagasio</td><td>2003</td><td>0/1</td><td>0/1</td><td>0/2</td></tr>
<tr><td>2) UK-Gotenburgo</td><td>Svedio</td><td>2003</td><td>5/5</td><td>3/3</td><td>8/8</td></tr>
<tr><td>3) Lomé</td><td>Togolando</td><td>2003</td><td rowspan="2">0/5</td><td rowspan="2">0</td><td rowspan="2">0/5</td></tr>
<tr><td>4) Assoukope</td><td>Togolando</td><td>2003</td></tr>
<tr><td>5) Aneho</td><td>Togolando</td><td>2003</td><td>2/2</td><td>0/1</td><td>2/3</td></tr>
<tr><td>Sukcesintoj</td><td></td><td></td><td>7</td><td>3</td><td>10</td></tr>
</table>

### 1.2.2 Elekta

La Komisiono laboris dum la jaro serĉante kandidatojn al la Estraro. Dum la Konferenco en Örestrand estis elektitaj kiel membroj de la Komisiono Aurora BUTE el Rumanio kaj Ana MONTESINOS de GOMIS el Britio. Kiel kunvokanto restas Maritza GUTIERREZ GONZÁLEZ el Kubo.

### 1.2.3 Lerneja

Kiam ĉesis la normala funkciado de INTERKULTURO1 neniu el tiu ĉi komisiono laboris. Ĝis tiam Géza KURUCZ havis retkontakton kun kelkaj E-klasoj, sed de du jaroj li ricevis neniun leteron aŭ mesaĝon. La komisiono ekzistas nur surpapere. Unu el la membroj, S-ino Raita PYHÄLÄ petis eksiĝon.

### 1.2.4 Regulara

La Regulara Komisiono konsistis el nur unu persono: Rob MOERBEEK. Helpe de la ILEI-Sekretario li kompilis proponaron pri ŝanĝoj al Regularoj de ILEI. Tiu propono de amendoj estas sendata aparte.

**1.2.5 Terminara**
Ne venis raporto.

**2. Sekcioj kaj Membraro**
En 2003 ILEI havis 547 membrojn en 57 landoj. Dum la Konferenco en Örestrand estis akceptitaj tri novaj sekcioj: Korea, Ukraina kaj Venezuela. Per tio la nombro de Sekcioj kreskis al 31. En Aŭstralio, Brazilo, Britio, Japanio kaj Rumanio estis elektitaj novaj Sekciestroj. En Israelo estis nomumita nova reprezentanto. Ekestis reprezentanto en Meksiko. Ekde la dua parto de la jaro la Sekciestroj estis kontaktitaj pere de cirkuleroj. Pro la manko de la Sekretario en la unua duono de la jaro 2003, Boo Mee KIM-LINDBLOM kaj József NÉMETH kunlabore kompilis la IPR-dissendoliston por 2003. Jarraportoj de la sekcioj estos prezentitaj al la Komitato por la kunsido okazonta dum la Konferenco.

**3. Financoj kaj Libroservo**
Vidu aldonan tabelon pri la Bilanco kaj Buĝeto 2004. La kasisto de ILEI, Boo Mee Kim-Lindblom, dum la jaro 2003 gvidis aŭ aktive partoprenis en pluraj ILEI-taskoj aldone al la kasista funkcio: ŝi aranĝis la konferencon de ILEI kaj estis kasisto de la  projekto Interkulturo.
La kontrola komisiono kunlaboris kun la kasisto dum la komenco de la jaro 2003 por trovi manieron plifaciligi la librotenan laboron de ILEI kaj interkonsentis trarigardi la principojn de la librotenado kaj ekonomia raporto post la kongresa periodo. Boo Mee KIM-LINDBLOM malsaniĝis post la kongresa periodo kaj mortis du monatojn post tio, do, la trarigardo ne povis efektiviĝi.
Pri la ekonomio kaj ĝia administrado respondecis post la morto de Boo Mee KIM-LINDBLOM, Ulla LUIN, membro de la Kontrola Komisiono. Ĉi tiu lasta funkciis kiel provizora kasisto ĝis la fino de januaro 2004.

Sekvas komentoj de Ulla LUIN:
„La ekonomia situacio de ILEI en 2003 estis pli bona kompare al la antaŭaj jaroj. La kostoj de la revuoj kaj la ĝeneralaj administraj kostoj estis similaj al antaŭaj periodoj, sed la Estraro sukcesis altiri monon pere de subvencioj kaj taŭga utiligo de projektmono. En si mem tio signifis multe da laboro, sed ĝi kontribuis al la ekonomia rezulto. La konferenco en Svedio donis pozitivan rezulton.
Tio signifas ke ĉiuj bankkontoj nun enestas en la bilanco de la ekonomia raporto. Tial la bilanco de 2003 ne estas tute komparebla kun la ciferoj de la bilanco de 2002. Samtempe tio signifas ke tiuj bankkontoj, kiuj havas saldon en svedaj kronoj, estas prezentitaj en eŭroj en la ekonomia raporto. Pri tio necesas averto: se estonte la kurzo de la eŭro ŝanĝiĝas, tiam ankaŭ la cifero de mono de bankkontoj en la ekonomia raporto ŝanĝiĝas. Kaj tia ŝanĝo rekte influas la ciferon de la propra kapitalo en la pasiva flanko de la bilanco.

Necesas ankaŭ averti pri alia punkto en la bilanco. En la bankkontoj de ILEI troviĝas relative granda monsumo, sed oni rigardu samtempe la pasivan flankon de la bilanco. Plej granda parto de tiu mono estas ligita je fondusoj kun reguloj pri la uzo, aŭ je ŝuldoj aŭ prunteprenoj kiujn ILEI devos pagi, kvankam eventuale ne tuj.
La enspezoj kaj kostoj de la revuo Juna Amiko troviĝas nun je ambaŭ flankoj de la rezultokontoj kiel apartaj ciferoj. En la pasinta raporto aperis nur neta kosto je la flanko de kostoj. Por kompari, necesas nun rigardi ambaŭ ciferojn.
Por la estonteco restas la komenca noto. La kostoj de la revuoj kaj administrado ne malaltiĝas, kaj necesas daŭre serĉi eksteran monon se ILEI volas daŭrigi la nunan nivelon de agado.”

**4. Konferencoj**
La 36-a ILEI-Konferenco okazis en Örestrand (Svedio) inter la 2-a kaj la 8-a de aŭgusto 2003 kaj aliĝis al ĝi 59 personoj el 23 landoj. Raporto pri la Konferenco aperis en IPR 03/3. Dum la Konferenco okazis elekto de nova estraro.

**5. Eldonaĵoj**
Gvidilo por la unuaj 10 lecionoj de Tendaraj Tagoj 2 (TT2) aperis en PDF-formato ĉe edukado.net.
Dum la jaro akurate aperis 4 numeroj de la oficiala organo de ILEI, *Internacia Pedagogia Revuo* (IPR) daŭre sub la redaktado de József NÉMETH. La aspekto de la kovrilpaĝo estis ŝanĝita de la numero 03/1: ekestis nova grafika aranĝo kaj alia papera kvalito. En la redakta laboro de IPR helpis: Katalin KOVÁTS kaj Stefan MacGILL.
*Juna amiko* (JA) aperis 4-foje en la jaro.

**6. Informado**
De septembro 2003 ILEI havas novan hejmpaĝon ĉe *http://ikso.net/ilei/index.php?lingvo=eo* kiun prizorgas Hokan LUNDBERG. Estis starigita ILEI-Vikio ĉe *http://ikso.net/ilei/vikio/ILEI-Vikio.* Dum la Universala Kongreso ILEI okazigis publikan kunsidon, prizorgis la tradician programeron ‘La Tago de la Lernejo’ kaj starigis Budon por informi pri sia agado kaj varbi novajn membrojn.
Estis lanĉita informilo ‘Ni bezonas unu la alian’ cele al varbado de novaj membroj kaj konigo de la nova Laborplano.

**7. Rilato kun UEA**
Ĝis la Konferenco la A-Komitatano kaj Observanto de ILEI ĉe UEA estis S-ro Mauro La TORRE. Poste la A-komitatanecon konservis S-ro La TORRE kaj fariĝis Observanto S-ro Radojica PETROVIĆ.

**8. Eksteraj Rilatoj**

Niaj reprezentantoj antaŭ UNESKO (Jean Pierre BOULET kaj Renée TRIOLLE) regule ĉeestis kunsidojn en la UNESKO-sidejo en Parizo, interalie okaze de la kunsidoj de la Ĝenerala Konferenco, la Kolokvo pri 'Perforto kaj ĝiaj kialoj. Kie ni nun staras?' kaj la Konferenco de Ne Registaraj Organizaĵoj. En unu el tiuj kunsidoj, Renée TRIOLLE raportis pri la ILEI-agado akcentante la defendon de plurlingveco, helpon al minoritataj lingvoj kaj kulturoj kaj eblecon ŝpari (monon, tempon, energion). Radojica Petrović prelegis pri la projekto *Interkulturo* en Konferenco de UNESKO pri Interkultura edukado. Plu eblas subskribi la Manifeston 2000 tra ILEI ĉe la UNESKO-hejmpaĝo. Nia reprezentanto ĉe FIPLV (Internacia Federacio de Instruistoj de Vivantaj Lingvoj) Jennifer Bishop tenas regulajn kunlaborkontaktojn kun tiu organizo kaj prizorgas reciprokan informadon. ILEI kaj gekolegoj el Aŭstralio subtenis partoprenon de tri Sudafrikaj kolegoj en la Kongreso de FIPLV en Johanesburgo, kie estis prezentitaj la principoj de esperantismo kaj la projekto *Interkulturo*.

**9. Projektoj**

Pri la projektoj *Interkulturo* kaj *Flugiloj de Malfacila Vento*, kiujn ILEI realigas kunlabore kun E@I, IPR jam informis plurfoje. ILEI subtenas, aŭ pretas subteni, ankaŭ aliajn E-projektojn en la eduka kampo.

*Kompilis: Atilio Orellana Rojas, Radojica Petroviĉ*

# Financa raporto de ILEI pri la jaro 2003

*Ulla Luin, 2004-02-26*

| **Bilanco je decembro 2003 (en EUR)** | | |
|---|---|---|
| | | |
| **Konto** | **Debete** | **Kredite** |
| **Aktivoj** | | |
| Bankoj, kasoj | 41063 | |
| Postuloj | 250 | |
| Librostoko | 2334 | |
| Akumulita deskribo | -1000 | |
| *Sumo* | ***42647*** | |

| **Pasivoj** | | |
|---|---|---|
| Ŝuldoj kaj bonhavoj | | 10123 |
| Antaŭericevitaj enspezoj | | 841 |
| Makleraj eroj | | 1199 |
| Fondusoj | | 18083 |
| Propra kapitalo | | 10602 |
| Aldono: rezulto | | 1799 |
| *Sumo* | | ***42647*** |

| Jara rezulto de 2003 | | |
|---|---|---|
| | | |
| **Konto** | **Debete** | **Kredite** |
| **Rimedoj (enspezoj)** | | |
| Membrokotizoj | | 5847 |
| IPR-abonoj | | 365 |
| Juna amiko abonoj | | 4540 |
| Juna amiko ric.subvencio | | 750 |
| Librovendo | | 950 |
| Ekzamenkotizoj | | 75 |
| Konferenco, nete | | 3498 |
| Rentumo, ĝ.kaso | | 222 |
| Donacoj, ĝ.kaso | | 659 |
| Diversaj enspezoj | | 2084 |
| Kurzopozitivoj | | 143 |
| *Sumo* | | ***19133*** |
| | | |
| **Kostoj** | | |
| IPR kostoj | 5926 | |
| Juna a. kostoj | 6694 | |
| Kostoj de libroj | 197 | |
| Estraraj afranko ktp | 1432 | |
| Estrarkunsidoj | 872 | |
| Fakaj kotizoj | 327 | |
| Diversaj kostoj | 1492 | |
| Bankkostoj ĝ. kaso | 354 | |
| Kurzoperdoj | 40 | |
| Rezulto de la jaro | 1799 | |
| *Sumo* | ***19133*** | |
| | | |

| Detaligo de fondusoj | | |
|---|---|---|
| | | |
| **Konto** | **Debete** | **Kredite** |
| **Fonduso Szerdahelyi** | | |
| Saldo 2002 | | 441 |
| Dum la jaro | | 0 |
| *Nova saldo* | | ***441*** |
| **Fonduso Erika Linz** | | |
| Saldo 2002 | | 16203 |
| Aldono | | 97 |
| Rentumoj kapital-aldone | | 143 |
| *Nova saldo* | | ***16443*** |
| **Mono por stip. el E.L.fonduso** | | |
| Saldo 2002 | | 387 |
| Disdonite | 309 | |
| Novaj rentumo-partoj | | 572 |
| *Nova saldo* | | ***650*** |
| **Fonduso Dazzini** | | |
| Saldo 2002 | | 99 |
| Dum la jaro | | 0 |
| *Nova saldo* | | ***99*** |
| **Konto Interkulturo** | | |
| Saldo 2002 | 31 | |
| Nova subvencio | | 32512 |
| Al ILEI laŭ plano | 2000 | |
| Kostoj | 30481 | |
| *Nova saldo* | | ***0*** |
| **Fonduso Koleghelpo** | | |
| Saldo 2002 | | 140 |
| Donacoj | | 310 |
| *Nova saldo* | | ***450*** |

# Raporto pri (ne)eldonado 2003

Neniu nova libro aperis dum 2003 kaj la vendoj estis sensignifaj. Ni ne intense reklamis niajn verkojn, ĉar ni ne havis laborfortojn prizorgi multajn mendojn. Jen koncizigita versio de resuma tabelo pri la stokoj en
Budapeŝto:

| Libro | Jareke | Vendoj | Komisie | Transigo | Donacoj | Jarfine |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Tendaraj tagoj, kajero II (6,90 EUR) | 800 | 11 | 2 | 6 | 11 | 770 |
| Tendaraj tagoj, kajero III (6,90 EUR) | 270 | 11 | 1 | 6 | 9 | 243 |
| Okulo (4,50 EUR) | 800 | 20 | 10 | 10 | 11 | 749 |
| Okulo (Gvidilo) (4,50 EUR) | 500 | 11 | 4 | 10 | 4 | 471 |
| Fantaziaĵoj kaj kantoj... (3,60 EUR) | 60 | 10 | 8 | 0 | 7 | 35 |
| Vojaĝoj en E-lando | 10 | 0 | 0 | 0 | 2 | 8 |
| Pasportaj ekzercoj (1-4) (4,35 EUR) | 160 | 0 | 0 | 0 | 5 | 160 |
| SUME | 2590 | 63 | 25 | 32 | 49 | 2431 |
| Stokvaloro (EUR) | 2239 | - | - | - | - | 1871 |

La kasisto prave metis en la spezokonton por 2003 deskribon de la stokvaloro, ĉar tra lastaj jaroj ni faris nur unu modestan deskribon. Devos okazi estonte regulaj deskriboj. Nur unu eldon-titolo estas aprobita por 2004, reverko kaj reeldono de kajero unu de la serio *Tendaraj Tagoj*. Sen tio kajeroj du kaj tri praktike restas ekster vendo. Sed por tiu verko mankas tempo kaj fortoj. La intenco estas krei retan eldonon ĉe "Lernu" kaj derivi libran version de tio.

Krom tio, ne indas por ILEI eldoni fizikajn librojn. Se libro devas vojaĝi du- aŭ eĉ tri-foje antaŭ ol atingi la finan aĉetanton, la sendokostoj facile superas la kvinoblon de la pretigo-kosto. Post pago de afranko kaj revendistaj rabatoj, restas al ILEI praktike neniu enspezo – nur laboro. Por ŝanĝi tion, necesus altigi la prezon preter pag-preteco. Komputika evoluo permesus senperan ligon inter produktantoj kaj fin-aĉetantoj de libroj. ILEI devus kunlabori, ekzemple kun TEJO, eldonejoj kaj libroservoj, starigi internacian retan mendejon kaj pagejon, tiel ke nur unufoja afranko estus pagenda. Nur tiukaze libro-eldonado ĉe ILEI

denove havos sencon. La verko Okulo kun ĝia gvidlibro devus esti pli konata kaj vendebla, por 6- ĝis 10-jaruloj estas malmultaj tiaj bildo-riĉaj cel-lingvaj lerniloj. Se ni havus rimedojn, ni pli forte kaj mult-lingve reklamus ĝin.
La laborforta situacio ĉe ILEI ne ŝanĝiĝis kaj estas plena rezisto ĝin ŝanĝi, do ni en 2004 kalkulas je simila eldona stagno kiel en 2003.
Ni koncentras niajn (mal)fortojn je reta eldonado.

*Stefan MacGill, estrarano pri eldonado.*

**ILEI anoncas pli favorajn prezojn por siaj libroj**
***okaze de surlokaj vendoj*:**

*Okulo* – Komenca kurslibro por infanoj: 3,60 EUR (Perpoŝte: 4,50)
*Okulo Gvidilo* – Resumoj, vortlistoj, konsiloj, ekzercoj: 3,60 EUR (4,50)
*Tendaraj tagoj, kajero II.* – Mezgrada cellingva lernilo: 5,40 EUR (6,90)
*Tendaraj tagoj, kajero III.* – Supergrada cellingva lernilo: 5,40 EUR (6,90)

# Estrarkunsido en Sarajevo

La Estraro de ILEI kunsidis en Sarajevo, Bosnio kaj Hercegovino, 19-21 marto 2004. En la tagordo estis analizo de realigo de antaŭaj decidoj, punktoj kiuj restis ne fintraktitaj post la decembra kunsido en Beogrado kaj aliaj aktualaj temoj: Ekonomio de ILEI (rezulto 2003 kaj planoj por 2004), projektoj *Interkulturo* kaj *Flugiloj de Malfacila Vento*, Konferenco 2004, membraro kaj sekcioj, informado (papera, reta, dum aranĝoj), eksteraj rilatoj (UEA, UNESKO, FIPLV) kaj plua laboro. La plej gravaj decidoj kaj materialoj aprobitaj dum la kunsido aperas en diversaj kontribuaĵoj en ĉi tiu numero de IPR. Ĉi tie jen nur kelkaj resumaj notoj:
Konstateblas ekonomia kaj organiza refortiĝo de ILEI. La financa rezulto 2003 estas pozitiva. Aktivaĵoj kiujn la Estraro komencis kaj daŭre plenumas post la Konf. 2003 kunlabore kun la Komitato, sekciestroj komisiitoj kaj aliaj aktivuloj donis evidentajn rezultojn. La membronombro kreskis pli ol ni optimisme planis. La nova kotizkategorio rapide konfirmiĝis kiel bona solvo kaj tuj post la enkonduko venigis kelkdekon da novaj membroj kiuj alimaniere ne aliĝus al ILEI. La komunikado inter la Estraro, Komitato, sekcioj kaj reprezentantoj ĉe aliaj institucioj revigliĝis kaj alportis novajn iniciatojn kaj rezultojn. Al tio grave kontribuas la nova retpaĝaro kaj reordigitaj retlistoj de ILEI, kaj plu kontribuos programsistemo por perkomputila administrado de financoj kaj membraro, kiu estas evoluigata kaj testata. Daŭre restas la problemo de malriĉaj sekcioj kiuj ne sukcesis kolekti kaj pagi al ILEI la kotizojn por 2003 kaj 2004. Ni renkontas paradokson, ke la membronombro kreskas, kaj la nombro de sekcioj troviĝas antaŭ malkresko.

La Estraro prikonsideris la rezultojn kaj pluajn evoluplanojn de la projekto Interkulturo. La realigita interŝanĝo pri la temo *Popularaj libroj*, kun fina retkvizo kaj premiitaj venkintoj, montras la vojon kiel plenumi ĝian esencan aktivaĵon – interkulturan esplorinterŝanĝon pri diversaj esplortemoj. Trejnado de IK-gvidantoj (klasinstruantoj) kaj IK-helpantoj restas daŭra bezono. La trejnseminario en Sarajevo, 21-28 marto 2004, kondukas al tiu celo, sed ankaŭ novaj IK-seminarioj devas esti organizataj. La Estraro aprobis, ke dum la ILEI-konferenco 2004 okazu seminario por interesataj konferencanoj pri praktikaj aspektoj de partopreno en la projekto kaj uzado de ĝia rethejmo www.interkulturo.net. Aliaj evoludirektoj de la projekto estas: plia adapto de la paĝaro por pli facila uzo kaj novaj partoprenformoj, plurlingvigo, pli vasta popularigo, aktivigo de novaj partoprenantoj kaj helpantoj, eduksciencaj esploroj, subvencipetoj al ekstermovadaj institucioj kiuj subvencias projektojn en la kampo de interkultura kaj porpaca edukado, kaj, por realigi ĉion tion, plivastigo de la teamo de kunlaborantoj: IK-gvidantoj kaj helpantoj, tradukantoj en naciajn lingvojn, partneroj por la subvencipetoj, lokaj organizantoj de seminarioj kaj fizikaj IK-renkontiĝoj, programistoj k.a.

La projekto *Flugiloj de Malfacila Vento* ricevis subvencion de ESF. Ĝia efektivigado komenciĝis per kompilado de retversio de metodika manlibro en viki-paĝoj de www.ikso.net, kaj per E-instruista parto de la marta trejnseminario en Sarajevo. Novaj seminarioj estas planataj por la IJK kaj ILEI-konferenco 2004. La planata ekzamensistemo de *Flugiloj* estos adaptita al perreta lingvolernado kaj al kondiĉoj de ekzamenado dum junularaj kaj aliaj E-aranĝoj. Ĝi ne konkurencos al la tradicia ekzamensistemo de ILEI/UEA, sed ĝiaj ekzamenoj povas esti preparaj al la internaciaj UEA/ILEI-ekzamenoj. TEJO kaj Amerika Komisiono de UEA montris fortan intereson pri tia ekzamensistemo.

La Estraro kun granda bedaŭro konfirmis la decidon nuligi la Konferencon 2004 en Ĉinio pro nesolvitaj organizaj problemoj kaj granda risko de malsukceso. Tio bezonigas pli atentajn preparojn de ILEI-programo dum la UK en Pekino. La Konferenco de ILEI okazos en Bratislava, Slovakio, kaj ni decidis okazigi la Konferencon Bratislava, Slovakio, 14-21 aŭg. 2004, samtempe kaj samloke kun la Kongreso de SAT.

La Estraro konstatis bonan evoluon de kunlaboro kun UNESKO kaj FIPLV, kiu dankindas al la reprezentantoj de ILEI ĉe tiuj organizoj (vidu la antaŭlastan kovrilpaĝon de IPR). Ene de la Esperanto-komunumo, la kunlaboro de ILEI kun E@I daŭre efektiviĝas tra konkretaj komunaj aktivaĵoj. La kunlaboro kun UEA, ĝia plikonkretigo kaj plivastigo, estos traktata en aprila estrarkunsido de UEA kiun partoprenos la prezidanto de ILEI. La samtempeco de ILEI-konferenco kaj SAT-kongreso en Bratislava esperebleble kreos ŝancon por iniciati kunlaborajn aranĝojn kun SAT, kun kiu ILEI ĝis nun ne havis kunlaborkontaktojn.

La Estraro konstatis mankon de propraj fortoj por akurate plenumi planitajn kaj bezonatajn aktivaĵojn en kelkaj agadkampoj: informado, lerneja agado, instrukapabligado, universitata, scienca kaj eduk-terminologia agadoj. Estas necese trovi helpantojn kaj/aŭ eksterestrarajn komisiitojn por tiuj agadkampoj. La Estraro klopodos, kunlabore kun la Komitato, solvi tiun bezonon. Bonvenos sinanoncoj de membroj kiuj pretus transpreni taskojn en tiuj kampoj.

*Raportas: Radojica Petroviĉ*

***

## Bardhyl Selimi:

# La distra momento dum la lecionhoro de matematiko

*(Laborsperto, Parto II.)*

*[3. Praktikaj problemoj, daŭrigo]*

**3.5. La rivero**

La naĝado kontraŭ la fluo de la rivero longas unu horon, dum laŭ la fluo nur 20 minutojn. Do entute por iro kaj reveno sufiĉas 80 minutoj. Se iutage blovas la vento kaj la fluo estas duoble pli rapida tiam:

a) kiom longas la naĝado ir-revene?
b) kiom da tempo ĝi longus se mankus la fluo, do en senmova akvo?

**Solvo**:

$V_1$ →

←V

$V_2$ ←

Ni notu per $V_1$ kaj $V_2$ la rapidecojn kontraŭ la fluo kaj laŭfluen, V estu la rapideco de la fluo mem kaj Vo la propra rapideco de la naĝanto en senmova akvo.

Tiam $(Vo - V) * 1/3$ kaj $(Vo + V) * 1/3$ montras la egalajn distancojn ire kaj revene, do rezultas $Vo = 2V$.

Se la fluo havus duoblan rapidecon kaj ne blovus vento kontraŭ la fluo, kompreneble la naĝanto apenaŭ povus naĝi kontraŭ la fluo, ĉar ĉi-kaze rezultus $V_1 = Vo - 2V = 2V - 2V = 0$.

Se blovus vento kontraŭ la fluo la naĝanto havus ŝancon naĝi, sed ĉi-kaze ni devus scii la rapidecon de la vento mem.

Tiu problemo estas traktita enkadre de "La ripetado de la instrumaterialo je la fino de la mezlernejo".

## 4. Aplikaj problemoj

En tiu ĉi subdivido inkluziviĝas problemoj postulantaj la konon de certaj matematikaj scioj, kiel ekz. la rekta dependeco, la malrekta dependeco, la simpla interezo, la miksa interezo, progresioj, rekurentaj formuloj ktp.

### 4.1. La pago de laboristo

(Problemo traktita ĉe la ĉapitro "Nombraj vicoj, progresioj")

Iu entreprenisto estas proponinta al du laboristoj la jenajn du pag-manierojn:

- – Mi pagos al vi ĉiutage po 100 000 lekojn dum unu monato (leko = monunuo albana)
- – Mi pagos al vi la unuan tagon 1 lekon, la duan tagon 2 lekojn, la trian tagon 4 lekojn, la kvaran tagon 8 lekojn kaj tiel plu, multiplikante la monon ĉiun sekvantan tagon.

Unu laboristo akceptis la unuan pagmanieron, dum la alia la duan. Kiu profitis?

**Solvo:** kompreneble la dua, ĉar li ricevus monsumon kalkulitan laŭ formulo de geometria progresio kun $A_1 = 1$, kvociento = 2 kaj nombro n = 30, do $S = 1 * [2^n – 1] / (2 – 1)$ = 1 073 741 823 lekoj, dum la unua ricevas simple 100 000 * 30 = 3 000 000 lekojn!

### 4.2. Kiu ujo havas pli grandan kapaciton?

El du cilindroformaj ujoj unu havas 1-litran kapaciton, dum la alia 8-litran. Ili ambaŭ havas la saman dikecon de la metalo. Ĉu vi povas diri kiomoble pli granda la maso de la dua ujo estas kompare kun la maso de la unua?

**Solvo:** La maso de la ujoj dependas ne de ilia volumeno sed de ilia surfaco. Kiel sciate la volumeno pligrandiĝas proporcie al la kubo de la linearaj dimensioj, dum la surfaco proporcie al la kvadrato de linearaj dimensioj. Tiel la maso de la pli granda ujo estos kvaroble pli granda ol la maso de la malpli granda ujo, t. e egale al la tria radiko de la kvadrato de ties volumena ono (ratio), do $(V_1/V_2)^2$.

### 4.3. La kandeloj

Du kandeloj havas la saman altecon sed diversajn dikecojn, tial unu el ili degelas ene de kvar horoj, la alia ene de 5 horoj. La kandeloj estis ekbruligitaj je la oka horo. Post iom da tempo oni estingis ilin kaj oni

konstatis ke la dika kandelo havas altecon kvaroble pli multe kompare al la maldika. Ĉu vi povas diveni kioma horo estas nun?
Tia problemo estas traktita ĉe la ĉapitro "La volumenoj de la rondaj objektoj – cilindro".

**5. Matematikaj sofismoj**
Ili baziĝas sur la nekorekta apliko de la matematikaj reguloj kaj leĝoj rilate la multiplikon aŭ dividon per nulo, rilate la trovon de la radikoj je para indekso, k.s.

**Ekzemploj:**

**5.1.: $(-a)^2 = (+a)^2$**
Trovu la duan radikon. Rezultas $-a = +a$!!!???

**5.2.: $x+y = 1$, $x+y=2$**
Sekve: 1=2!!!??? (ja, la maldekstraj partoj estas egalaj)

**5.3.: $a>b$,** $a*b > b^2$, $ab - a^2 > b^2 - a^2$. Dividu ambaŭflanke per (b-a). Rezultas $a>b+a$. Nun adiciu flankflanke $a>b$ kaj $a>b+a$. Rezultas $2a>2b+a$, sekve **$a>2b$**!!!???

**5.4.: $6x+15 = 10x+15$,** aŭ $3(2x+5) = 5(2x+5)$. Dividu per $(2x+5)$, sekve **3=5**!!!???

**6. Matematikaj anekdotoj**
Estas je aparta graveco ankaŭ la traktado de tiaj anekdotoj, ĉar ili atestas pri la matematika pensado, ĉi-foje per la vortoj de famaj matematikistoj.
Jen ekzemplo kiu povas esti traktata ĉe la ĉapitro "Malekvacioj kun variabloj".

**6.1. Profesoro**
Iu matematika profesoro diris al du studentoj, tre promesaj, talentemaj – Paŭlo kaj Stefano:
Nun mi estas pensanta du naturajn nombrojn *x* kaj *y*, kies sumo estas maksimume 100 dum $1<x<y$.

Mi sciigos nur al Paŭlo la produton de *x* kaj *y*, dum al Stefano ties sumon. Nun klopodu ĉiu el vi aparte diveni kiuj estas tiuj *x* kaj *y*. Kompreneble ne eldiru unu al la alia tion, kion mi sciigis jam aparte al vi.
Okazis sufiĉe longa paŭzo je intensa meditado kaj la studentoj ne interŝanĝis informojn rilate la produton kaj sumon de *x* kaj *y*. Tamen ekis stranga dialogo:
Paŭlo: – Ne, mi ne povas diveni *x* kaj *y*.
Stefano: – Ho, mi jam sciis tion.
Paŭlo (surprizite kaj denove pripensinte). Do, nun ankaŭ mi trovis *x* kaj *y*. Ili ambaŭ pravis. Ĉu nun ankaŭ vi konjektas kiel trovi *x* kaj *y*?
Nur ununura paro (*x*,*y*) koincidas kun ilia dialogo!

## C) Konkludo

Danke al mia propra instrusperto mi jam estas konvinkita ke la traktado de distraj aferoj dum la lecionhoro de matematiko neniel estas tempoperdo, kontraŭe ĝi estas tre necesa kaj utila. Tion ni povas fari ĉiutage, ni diru dum kvin minutoj ene de la lecionhoro. Estas ankaŭ distraj problemoj kiujn la lernantoj povas solvi ekster la klasĉambro, hejme. Iliaj ĝustaj solvoj kaj respondoj indas rekompencati per bonaj notoj, samtiel kiel ni tion faras por la ordinaraj temoj de matematiko.
Tiaj problemoj troviĝas abunde kaj en la scienca literaturo, kaj en revuoj, libroj, radio- kaj TV-elsendoj. Estas ja zorgo de instruistoj ilin trovi kaj kolekti zorgeme kaj prezenti konvene al la gelernantoj dum la lecionhoroj.

Ekzemple, antaŭ jaro mi legis interesan problemon-enigmon en la revuo MONATO. Jen ĝi: En kvin domoj unu apud la alia loĝas kvin viroj, unu en ĉiu domo (*norvego, dano, svedo, anglo, germano*). Ĉiu el ili bredas iun specon de besto (*fiŝo, birdo, hundo, kato, ĉevalo*). La domoj estas diverse koloritaj (*ruĝa, flava, blanka, verda kaj blua*). La viroj trinkas iun trinkaĵon (*lakto, kafo, biero, teo, akvo*). Fine ili ludas po unu muzikilon (*gitaro, akordiono, piano, trombono, violono*).
La norvego loĝas en la unua domo maldekstre; la anglo loĝas en la ruĝa domo; la verda domo estas maldekstre de tiu blanka; la dano trinkas teon; tiu ludanta per piano loĝas apud tiu bredanta katon; tiu loĝanta en la flava domo ludas per violono; la germano ludas per akordiono; tiu loĝanta en la meza domo trinkas lakton; tiu ludanta per akordiono najbaras al tiu

trinkanta akvon; tiu ludanta per trombono bredas birdon; la svedo bredas hundon; tiu bredanta ĉevalon loĝas apud la flava domo; la norvego loĝas apud la blua domo; tiu ludanta per gitaro trinkas bieron; en la verda domo oni trinkas kafon.
Jen la demando: **kiu bredas fiŝon?**
La solvon trovis almenaŭ du gelernantoj (L.T. kaj E. N.), pro kio ili estis rekompencitaj de la revuo MONATO. Jen la solvo:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| *Domo1* | *Domo 2* | *Domo3* | *Domo4* | *Domo5* |
| *Norvego* | *Dano* | *Anglo* | *Germano* | *Svedo* |
| *Flava* | *Blua* | *Ruĝa* | *Verda* | *Blanka* |
| *Violono* | *Piano* | *Trombono* | *Akordiono* | *Gitaro* |
| *Akvo* | *Teo* | *Lakto* | *Kafo* | *Biero* |
| *Kato* | *Ĉevalo* | *Birdo* | *Fiŝo* | *Hundo* |

La traktado de la distraj problemoj devas antaŭvidati, kiam la instruisto sin preparas por la sekvonta leciono. La sperto akirita de la gelernantoj en tiu kampo helpas al ili, eĉ parte, pli bone prepari sin por matematikaj olimpiadoj je rango de la lernejo, urbo, distrikto kaj respubliko. Kelkajn el tiaj problemoj oni povas publikigi en la murgazeto de la lernejo aŭ en ties ĵurnalo. (*Fino*)

*Bardhyl Selimi, Instruisto de matematiko,*
*Tirana Nacia Hotelumada kaj Turisma Mezlernejo*

**Literaturo:**

§ Perelmann: Amuza Matematiko
§ Petko Arnaudov, Ljudmila Arnaudova: “Amuza matematiko por gelernantoj”
§ Martin Gardner: “Mathematical Circus”
§ Gerard Cool: “128 matematikaj problemoj”
§ Georges Ifrah: The Universal History of Numbers

# Kiel mi instruas tempojn kaj participojn al ĉinoj

*(Parto II.)*

**2. Pri la participoj**

Same kiel mi rakontis en Parto I., en la ĉina lingvo ne estas participoj. En E-o ni ofte uzas participojn. Pri la participoj ni povas distingi adjektivajn participojn (aŭ participajn adjektivojn) kaj adverbajn participojn (aŭ participajn adverbojn). Mi tre admiras la uzadon de tiuj participoj, ĉar

uzante tiujn participajn adverbojn kaj participajn adjektivojn, oni povas mallongigi la frazon kaj tre facile kompreni la sencon de la frazoj. Mi opinias ke ĝi estas tre bela kaj saĝa kreaĵo de E-o. Sed bedaŭrinde por ĉinoj, ili ne komprenas kio estas participoj. En E-aj frazoj oni uzas participajn adverbojn, sed en la ĉina lingvo oni nepre uzas sub-propoziciojn. Jen ekzemploj:

*Leginte libron, li rigardis la televidon*. (Esperante)

Sed en la ĉina lingvo: ***Dang** li legis libron, li rigardis la televidon*.(ĉine)

Ĉi tie **Dang** signifas: (post) kiam -is, tiu vorto prezentas iun agon kiu finis antaŭ alia ago, se ne estas tiu vorto, la frazo estas nek klara, nek facile komprenebla. Tio signifas ke la ĉina vorto **Dang** egalas la subpropozicion: (post) kiam -is .

Per tiaj frazoj (*Kiam li legis libron, li rigardis la televidon*), ĉinoj komprenas facile, sed tiajn frazojn (*Leginte libron, li rigardis la televidon*) ĉinoj ne bone komprenas.

Similaj ekzemploj:

*Revenonte hejmen, Petro renkontis amikon.*

*Revenante hejmen, Petro renkontis amikon.*

*Reveninte hejmen, Petro vidis amikon.*

Tiuj tri frazoj prezentas tri tempojn kiuj fiksas la tempojn en kiuj Petro renkontis amikon.

Revenonte montras la tempon kiam Petro ne revenis hejmen, li estas (eble) en la oficejo, antaŭ ol reveni;

Revenante montras la tempon kiam Petro revenas hejmen, li estas sur la vojo por reveni;

Reveninte montras la tempon kiam Petro jam revenis hejmen, li jam estas en la hejmo.

Por komprenigi gelernantojn pri la uzado, dum la klarigado mi fojfoje ripetas ke tiuj participaj adverboj egalas subpropoziciojn kaj ili povas anstataŭiĝi per subpropozicioj. Ekzemple:

Revenonte = kiam li revenos, kiam li preparas reveni hejmen;

Revenante = kiam li revenas, kiam li iras sur la vojo al la hejmo;

Reveninte = (post) kiam li revenis en la hejmon, kiam li jam estas en la hejmo.

Nur tiaj klarigoj povas komprenigi ĉinajn gelernantojn. Por tiaj klarigoj, instruisto devas meti pli multajn tempojn kaj fojfoje klarigadi. Tiaj klarigoj estas facile akcepteblaj por ĉinaj lernantoj. Kiam ili komprenis la

uzadon de participaj adverboj, ili povas facile kompreni la uzadon de aliaj participaj adjektoj, participaj substantivoj. Ekzemple:
*Ni vidis infanojn ludantaj kun pilko en la parko (*ludantaj = Tiam infanoj ludas kun pilko en la parko).
*Ni vidis infanojn ludintaj kun pilko en la parko (*ludintaj = Tiam infanoj jam finis la ludadon kun pilko en la parko).
*Ni vidis infanojn ludontaj en la parko (*ludontaj = Tiam infanoj ne ludas, ili sin preparas ludi kun pilko en la parko).

Similajn ekzemplojn kiel la suprajn ni havas pri la participaj adverboj kun akuzativo -n. Ekzemple:
*Ni vidas gestudentojn lernantajn en klasĉambro (*lernantajn = gestudentoj kiuj lernas en klasĉambro).
*Ni vidas gestudentojn lernintajn en klasĉambro (*lernintajn = gestudentoj jam finlernis, nun ili ne lernas, sed ili estas en klasĉambro).
*Ni vidas gestudentojn lernontajn en klasĉambro (*lernontajn = gestudentoj nun ne lernas, sed ili preparas lerni, ili lernos en klasĉambro).

Tiuj ekzemploj estas frazoj en aktiva voĉo, instruistoj povas ankoraŭ sammaniere klarigi frazojn en pasiva voĉo. Ekzemple:
*Ni renkontis la knabon batitan de sia patro* (la knabon batitan = la knabo jam estis batita, la patro jam batis la knabon).
*Ni renkontis la knabon batatan de sia patro* (la knabon batatan = la knabo estis batata de sia patro, la patro batas la knabon).
*Ni renkontis la knabon batotan de sia patro* (la knabon batotan = la knabo estos batota de sia patro, la patro batos la knabon).

Mi trovas ke lernantoj komprenas tiajn frazojn nur kiam ili tute komprenas la uzadon de participoj. Tial ni devas fari pli da atento dum la klarigo de participoj en la instruado de tiu gramatiko, ĉu ne?
Se gelernantoj komprenas la uzadon de participoj, participaj adjektivoj kaj participaj adverboj, tiam la participaj substantivoj estas tre facile kompreneblaj por ili. Ekzemple:

esperanto = homo kiu esperas: ĉi tie -o egalas homo
manĝinto = homo kiu jam manĝis
manĝanto = homo kiu nun manĝas
manĝonto = homo kiu poste manĝos.

Vere E-o estas internacia lingvo. Por instrui E-on, instruistoj de diversaj landoj faras ofte la komparon inter E-o kaj sia nacia lingvo. Komparo estas bona metodo por instruado. Sed oni devas fari komparacion laŭ la naturo de la nacia lingvo. La supraj spertoj estas miaj propraj spertoj kiam mi instruas E-on al ĉinaj lernantoj. Mi pensas ke tio eble estas utila ankaŭ por tiuj instruistoj, kiuj instruas E-on al lernantoj kies gepatraj lingvoj apartenas al aziaj lingvaj familioj. Mi volas interŝanĝi spertojn kun aliaj instruistoj kiuj instruas E-on en sia nacia lingvo por plibonigi nian instruadon de E-o en diversaj landoj.



*LIU Xiaojun,*
*Shandong Daxue Waiguoyuxueyuan, CN-250100 Jinan, Shandong, Ĉinio,*
*<chinaliu66@hotmail.com>*

**Germain Pirlot:**

# Esperanto en universitataj medioj



Je la komenco de februaro 2004 estis rete dissendita la plej freŝdata versio de «***Esperanto en universitataj medioj***», kompilado de sciigoj pri Esperanto-kursoj oficiale organizataj en universitatoj kaj altinstitutoj. Substrekinda estas la malfacilaĵo por arigi tiajn informojn. Ne malofte necesas kontakti 4-, 5-foje kursgvidantojn antaŭ ol ricevi reagon. Same ĉe la landaj sekciestroj kaj reprezentantoj de ILEI. Teorie ili devus – laŭ mi – esti bone informitaj pri tiaj kursoj en sia lando, ĉar temas pri gravega paŝo al plia enkonduko de E-kursoj en ĉiugradajn lernejojn. Tamen, el 39 rete kontaktitaj, nur 4 (kvar) reagis, sed por diri ke ĉu ili sciis nenion pri tio, ĉu nenio okazas en sia lando. Ĉu povus esti, ke ILEI-sekciestroj neniel interesiĝus pri oficialaj E-kursoj en universitatoj kaj altinstitutoj? Ĉu ilia tasko rilatus nur al kotizoj?

Malgraŭ tiuj malfacilaĵoj, mi sukcesis arigi **informojn pri 63 universitatoj/altlernejoj el 23 landoj**. Jen detale: Aŭstrio: 3 – Belgio: 1 – Brazilo: 1 – Bulgario: 1 – Ĉeĥio: 2 – Ĉinio: 18 – Germanio: 5 – Hispanio: 2 – Hungario: 2 – Israelo: 1 – Italio: 1 – Japanio: 2 – Korea Resp.: 2 –

Kostariko: 2 – Litovio: 3 – Meksiko: 1 – Nederlando: 1 – Pollando: 3 – - Rusio: 4 – Slovakio: 1 – Svedio: 1 – Usono: 5 – Uzbekio: 1.
En novembro 2002 estis 43 kursoj el 20 landoj. Estas do kontentiga kresko, sed verŝajne ili devus esti multe pli.
Kelkaj landoj enviciĝis en la listo: Brazilo, Kostariko, Slovakio, Svedio, Uzbekio, sed du malaperis: Estonio kaj Francio. En Estonio ne plu estas E-kurso en la Teknika Universitato de Tallinn pro emeritiĝo de la kursgvidanto. Samtempe estis forigita la kurso en la Universitato, Fakultato pri Lingvoj de Lyon en Francio pro troa laboro de la kursgvidanto, kiu ne povis respondi al propono de la universitataj instancoj plialtigi la kurson de 1h30 al 4h semajne.
Gravega problemo estas ja transpreno de kurso post emeritiĝo, alilokiĝo aŭ forpaso. Ideale estus ke ĉiu kursgvidanto klopodu trejni kompetent-ulon, kiu, laŭnecese povus transpreni la taskon. Tia vakeco certe ne okazas, kiam emeritiĝas aŭ mortas kursgvidanto de la angla aŭ de la franca. Post fermo de E-kurso, estas sendube multe pli malfacile por reenkonduki novan.



Konkludo:
al tiuj, kiuj interesiĝas pri la oficialaj E-kursoj je supera nivelo (universitatoj, altinstitutoj) mi plezure havigos rete mian «lastan eldonon» (07.02.2004); temas pri 19-paĝa dokumento en Word. Same ĉiam bonvenas ĉiuj informoj pri la temo ĉu poŝte (*Steenbakkersstraat 21, BE-8400 Oostende, Belgio*), ĉu preferinde rete: <*gepir.apro@pandora.be*>.
Daŭre mi klopodas ĝisdatigi tiun dokumenton.

*Germain PIRLOT, membro de ILEI*

# Forpasoj

Kun bedaŭro ni anoncas, ke la 2-an de februaro 2004 forpasis merita esperantisto Jozef Pawel Bielinski en aĝo de 83 jaroj, Honora Ano de Pola Esperanto Asocio, honorigita pro meritoj por urbo Bydgoszcz kaj por kulturo, aŭtoro de kelkaj E-lernolibroj kaj E-instrumaterialoj, dum longaj tempoj prezidanto de Pola Esperanto-Asocio en Bydgoszcz.

Kun bedaŭro ni sciigas vin pri la forpaso de Josef Murĵan, unu el la plej aktivaj esperantistoj en Israelo dum la lastaj 40 jaroj.

***

Ni mencias kun granda bedaŭro, ke la 2-an de februaro 2004 forpasis elstara estona esperantisto, aŭtoro de pluraj lernolibroj kaj vortaroj, honora membro de UEA, Jaan Ojalo (1914-2004).

***

La 30-an de marto atingis nin la sciigo, ke Jaap van Dijk (Nederlando) forpasis. Jaap estis kiel fidela kaj helpopreta amiko, kiu, ekzemple dum E-aranĝoj, ĉiel kaj ade servis al kongresanoj. La 6-an aprilo okazis la kremacio. Al Els, Ingeborg kaj Ziko, al ĉiuj geparencoj, la amikaro, nia Patro donacu forton kaj paciencon por akcepti la forpason de kara homo!

***

La 11-an de aprilo 2004 forpasis eminenta hungara esperantisto, instruisto, verkinto de E-lernolibroj, Oszkár Princz (1947-2004). Li dum pli ol tri jardekoj aktivis por Esperanto en Hungario kaj tuta Mez-Eŭropo. De 1982 li estis organiza sekretario, sekretario kaj poste ĝenerala direktoro de HEA. Li estis proponita por honora membreco de UEA en 2004. Oni adiaŭis lin la 23-an de aprilo en la tombejo de Pomáz.

# *el la landoj kaj sekcioj...*

## Aŭstralio

**ILEI-Aŭstralio raportas**

La diskutlisto *http://groups.yahoo.com/group/ILEI-Australio* faciligas la komunikadon, do niaj projektoj kolektas la energion de membroj kaj progresas multe pli rapide. La diskutlisto havas nun 20 membrojn, ne ĉiuj estas anoj de ILEI kaj ne ĉiuj aŭstralianoj, sed ĉiuj interesataj pri la antaŭenigo de E-o en Aŭstralio. Se vi estas same interesata, bonvenon, ni havas pli da planoj ol tempo por fari ilin !

Jonathan Moylan instruas E-on en Novkastelo, kaj pli ol 15 homoj esperantiĝis dum la pasinta jaro. Li, kun helpeto de loka parlamentano, komencas inviti infanojn 10-15 jaraĝajn al nova kurso.

Hazel Green instruas klason en Kvinslando kaj Saani Bennetts daŭre instruas ĉiujn klasojn de Treetops Montessori-Lernejo [*vd. foton dekstre*].



En Okcidenta Aŭstralio, Saani Bennetts kaj Trish O'Connor verkas instrumaterialon por utiligado fare de novaj instruistoj allogotaj al E-o per reklamado de senpaga partopreno en la AEA somerlernejo, okazonta en Adelajdo januare 2005. Jonathan Moylan kaj mi laboras por la enkonduko de E-o kiel oficiala studobjekto en registarajn lernejojn. Ni kredas, ke la propedeŭtika efiko de E-o estos nia plej utila konvinkilo.

Nia sekcio pripensas la ideon, ke ni aranĝu nian somerlernejon en la kunteksto de pli granda kaj pli publika somerlernejo de lingvoj kaj kulturoj. Espereble registara kaj komerca financa subteno povos esti trovotaj por tia projekto kaj organizada energio de ekster AEA ankaŭ multe helpos nin. Kiel kutime, eksterlandanoj estos tre varme bonvenigataj.

*Penny VOS PYM, sekciestro*
*<penivos@yahoo.com>*

## Brazilo




**Prezidanto de AdE en evento de ILEI-BR**

La Brazila Sekcio de ILEI havas enorman plezuron kaj fieron dividi kun la legantoj de IPR la sperton esti gastiginta tre specialan samideanon okaze de evento realigita de ni favore al pli ol 200 e-istoj en San Paŭlo. Temas pri Prof-ro Geraldo Mattos, prezidanto de Akademio de E-o, kiu akceptis nian inviton gvidi seminarion kaj kunvenon. Havinte kiel renkontiĝejon la mondfaman hotelon Maksoud Plaza, karavanoj el pluraj urboj kaj provincoj venigis al nia aranĝo grandan scivolemon pri la temo "*La neceso de Arto kaj Muziko por E-Movado*". Demokratie, ne nur profesoroj rajtis aŭdigi siajn




dubojn kaj konsiderojn, sed ankaŭ studentoj de ĉiuj niveloj sentis sin liberaj partopreni en la diskutado – la tuta enhavo de la seminario havis samtempan tradukadon fare de la Sekciestro de ILEI-BR, Prof-ro Marcos Zlóv Zlotovich.

Prof-ro Geraldo Mattos, siavice, pravigis la famon esti respektinda reprezentanto de E-o kiel poeto, verkisto kaj preleganto, kaj ankaŭ varmkora homo, kiu tre ĝentile kaj atenteme prezentis sin al la publiko. Li riĉigis nian lernoprofiteblan sperton rakontante okazaĵojn pri sia kvindekjara agado en la movado, krome leganta kaj komentarianta kelkajn el siaj poemoj kaj plurfoje amuzanta ĉiujn pere de fulmaj kaj elegantaj ŝercoj koncernantaj la temon supremenciitan.

*laŭ Rodrigo de Méo, Sekretario de ILEI-BR*
*<ileibr@linguauniversal.com.br>*

## Francio

**Staĝo por E-instruistoj en Parizo**

Ĉar la sidejo de UFE estis tro malgranda por akcepti la tridekon da partoprenantoj, la dutaga staĝo okazis en Pariza Altlernejo la 21an (internacia tago de la patrina lingvo) kaj la 22an de februaro. La granda interesiĝo klariĝas kaj pro la fakto, ke, danke al ŝtata subvencio por formado de asociaj kadroj, la vojaĝo estis repagita, kaj pro la vera bezono, kaj pro la adaptemo de la intervenantoj. Flanke de la teknikaj demandoj (kiel malfermi kurson) aparta atento rilatis al konsciiĝo pri la bezonoj de la instruanto de E-o esti vere kompetenta (Jean-luc Tortel el Franca Esperanto-Instituto parolis pri la ekzamenoj) pri lingvo kaj profesio; Profesiaj lingvaj instruistoj (Michèle Abada-Simon kaj Renée Triolle) parolis pri la metodoj; donis "trukojn" kaj konsilojn por paroligi la lernantojn, korekti (aŭ ne) la erarojn, fari paŭzojn ktp. Lerneja psikologo Edmond Plutniak parolis pri la bezono krei bonan etoson kaj flegi la lernantojn. Tiuj du intensivaj tagoj plaĉis al la ĉeestantoj, kiuj krome povis trarigardi lernolibrojn, fari demandojn, interŝanĝi spertojn. Manlibro estos redaktita kaj eldonita de Esperanto-France.

*Renée Triolle, <triolle.renee@wanadoo.fr>*

# Hungario

**Pri la Pedagogiaj Tagoj en Budapeŝto**

La 6-an kaj 7-an de marto 2004 en Budapeŝto la hungara sekcio de ILEI okazigis la 19-ajn Pedagogiajn Tagojn, kun partopreno de pli ol sesdek E-pedagogoj. La organizan teamon gvidis juna membrino Pálma Csiszár-Salomon. La konferencon finance subtenis Kultura E-Asocio, sub gvido de László Szilvási [*vd surfote, dekstre de li sidas alia eminentulo, Imre Szabó*]. Sabate antaŭ-tagmeze ni aŭdis du prelegojn:



1) Géza Kurucz: Lingvaj malfaci-laĵoj en E-o por hungaroj
2) László Vizi: Tradukteknikoj – modelleciono.

Posttagmanĝe sekvis la asembleo de hungara ILEI-sekcio. Ni akceptis financajn raportojn kaj decidojn kaj elektis du novajn komitatanojn. Ni starigis komisionon por ellabori la sistemon de la abiturientaj ekzamenoj pri E-o. Krome ni decidis grupe membriĝi en Hungaria E-Asocio. Tiel la hungara movado, post jardeko**,** denove unuiĝis. Poste sekvis grupaj programoj en karusela sistemo sub gvido de Judit Felszeghy (*Lingvaj ludoj*), T. Gados Zsuzsa (*Kiel paroli pri bildo*), Márta Kovács (*Kiel uzi vortaron*), Pálma Csiszár-Salomon (*La rolo de para laboro en lingvoinstruado*)[1]. La tagon fermis la prelego de Iván Bujdosó: EU-projektoj pri eksperimenta enkonduko de E-o.
La dimanĉa programo komenciĝis kun la diskuto pri kvalifiko de instruistoj, Zsuzsa Tötösné Gados faris enketilon pri tiu demando. Ĉiuj partoprenantoj konsentis pri tio, ke necesas organizi kaj lingvajn kaj metodikajn trejnkursojn, eble eĉ dufoje jare.
Dimanĉe okazis la prelego de Géza Kurucz kun titolo „*E-instruado kaj paralela edukado al E-o*”. Krome Oszkár Princz raportis pri la ŝtataj E-lingvoekzamenoj, kaj Jozefo Baksa pri la Es-Centro en Söjtör, kiun oni akreditigis, kiel oficialan lingvolernejon.
Posttagmeze estis la prezentado de komputilaj lerniloj kiel *Edukado.net* (sub la malĉeesta gvidado de Katalin Kováts), retkurso de László

---

[1] *NdlR: vd. foton sur la unua kovrilpaĝo.*

Szilvási, *SoftMemor* – instruprogramo de Thierry Salomon kaj la instru-programo de László Vizi. *Jozefo Németh, sekciestro*
*<jozefo@mail.globonet.hu>*[2]

# Italio

**El la jarraporto 2003**

– Ni klopodis konigi la ekziston de ILEI al la instruistoj de nia lando pere de IPR kaj Juna amiko. Tiucele ni tradukis la hejmpaĝon de ILEI al la itala kaj resumo de ĝi estas metita en la hejmpaĝon de la Itala Esperanto-Asocio FEI. (Bv. viziti *www.esperanto.it*)
– Ni kunlaboris en la instruado de neĉeesta kurso KIREK prenante sur ni la taskon asisti la studantojn pere de daŭra tutorado.
– Ni partoprenis en la du seminarioj en Rimini por plibonigi la instruadon mem kaj nian lertecon en la komputila laboro.
– Ni mem organizis du E-kursojn en Parma kaj helpis al mezlernejaj instruistoj dum la programado de 4 lecionoj pri edukado al pli bona kompreno de la aliaj kaj ekigo de interŝanĝoj de personaj kaj grupaj leteroj inter lernejoj de Modena kaj Pescara kun lernejoj en Kroatio, Bulgario, Francio, Litovio, Ĉinio kaj Aŭstralio.

*Luigia Oberrauch Madella, sekciestro*
*<silkovojo@aliceposta.it>*[3]

# Serbio kaj Montenegro

**Eroj el la pasintjara agado de E-Instituto Beogrado**

Dum la Tutrumania E-Simpozio, okazinta komence de majo 2003, Radojica Petrović prezentis perkomputile la projekton “Interkulturo kaj lernu”.
En junio en Zaječar okazis la ekzamenoj A kaj B kun 7 sukcesintoj. Julie en Niŝ okazis A-ekzameno kun 3 sukcesintoj. Decembre en Beograd okazis B-ekzameno kun 5 sukcesintoj.
En oktobro dum Renkontiĝo de serbiaj esperantistoj en Beograd Radojica Petrović prezentis la organizaĵon ILEI kaj la projekton Interkulturo.
En la sama monato en Banja Luka, kadre de la 6-a Sesio de DESKF, Boriša Milićević prezentis sian verkaĵon “Eraroj kaj serbismoj en E-o uzataj de instruistoj/antoj kaj esperantistoj”.

---

[2] NdlR: pro la konstantaj virusatakoj mi nuligis la retadreson ilei-ipr@ikso.net!
[3] Nova retadreso!

La Instituto havas 4 sekciojn kun 18 membroj kaj 1 faka kunlaboranto. Sekciestroj: Boriša Milićević (Interlingvistiko); Radojica Petrović (Instruado); Zlatoje Martinov (E-a literaturo); Dimitrije Janičić (E-movado). La poŝtadreso de la Instituto: *21001 Novi Sad, poŝtfako 175.*

*laŭ Boriša Milićević, Direktoro de E-Instituto*

## Por via notlibro

# Edu-KoDo

La porinstruista paĝaro tra *www.edukado.net* jam de pli ol du jaroj liveras al la instruantaj kolegoj kaj lernemuloj utilajn informojn, novajn materialojn. La ĉiutage redaktita retejo disponas nun je riĉa dokumentaro kaj ekzercaro, kiujn ĝi planas disponigi al la uzantoj ankaŭ sur kompaktdisko.
La KD helpos la orientiĝon de tiuj personoj, kiuj uzas komputilon, sed pro diversaj kaŭzoj ne havas, aŭ nur limigite povas uzi retkonekton.
La ĝis nun 225 ekzercoj de la lerniloteko en la lastaj 10 monatoj estis elŝutitaj preskaŭ 17 mil-foje, kion ni trovas granda sukceso. Estas ne nur unuopaj ekzercoj je pluraj niveloj kaj en diversaj kategorioj kaj temoj, sed ankaŭ kompletaj serioj de sonmaterialoj kaj komprenekzercoj (*Pola Radio*), manlibroj de jam publikigitaj eldonaĵoj (*Tendaraj tagoj, Pasporto al la tuta mondo, Mazi,*), kaj ankaŭ didaktikcela poemaro.
Ĉio ĉi en bela aranĝo kaj tuj uzebla formato ankaŭ ĝis nun helpis jam al multaj kolegoj pliriĉigi la kursojn.

La surkodigo de la hejmpaĝo estas aparte granda laboro. Teknike ne eblas tutprecize reprodukti ĉiujn funkciojn de la paĝaro, sed la teknikisto laŭeble provas solvi la plej gravajn servojn kaj surkodigi la sekvajn partojn:

**Enhavo de la versio 1.0**
Ĝenerala enkonduko kaj klarigoj pri la enhavo, teknikaj sciindaĵoj ▪ **Katalogo** kun 190 titoloj, opinioj, recenzoj ▪ **Lerniloteko** kun 250 ekzercoj, opinioj ▪ Informoj kaj specimenoj pri la UEA/ILEI ekzamenoj ▪ Informoj pri la KOMUNUMO kaj eblo membriĝi ▪ La ĝis nunaj cirkuleroj por prezenti nian historion ▪ Gastlibro ▪ Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko (PMEG) verkita de Bertilo Wennergren.

La KoDo-n ni planas kaj vendi kaj disdoni senpage al E-instruistoj en nepagipovaj landoj. Peti la diskon aŭ proponi adresojn de kolegoj eblas ĉe la

redaktoro en letero aŭ mesaĝo kun la priskribo de la agado de la subteninda instruanto, ties nomo kaj preciza poŝtoadreso kien la diskon ni sendu.
La planita vendokosto estos 10 eŭroj por la **aktivaj** membroj de la KOMUNUMO de la paĝaro kaj 13 por aliaj aĉetantoj.
Ekde junio la KD estos aĉetebla ĉe la grandaj libroservoj kaj E-o aranĝoj.
Antaŭmendoj estus bonvenaj por pli klare vidi la proksimuman merkaton. Kun ĉiu kvara-kvina aĉeto oni ebligas donac-ekzempleron por iu alia kolego.
Mendilon vi trovas en la paĝaro.




Pri pliaj detaloj rilate la enhavon, teknikaĵojn, (antaŭ)mendojn, pagojn kaj dissendadon petu informojn de la redaktoro:

*Katalin Kovàts, redaktanto@edukado.net.*
*Paperpoŝte: Spaarwaterstraat 74 – 2593 RP - Den Haag – Nederlando.*

## Pliaj paŝoj por la subteno de Esperanto-instruado

En la pasintaj kelkaj jaroj, pluraj iniciatoj signife plifortigis la subtenon de aktiva kaj kvalita E-instruado por instruantoj kaj lernantoj tra la mondo. Legantoj de IPR espereble ne nur konas sed regule uzadas kaj kontribuas al la retejo <edukado.net>, kiu evoluis sub la senlaca kaj profesia gvidado de Katalin Kováts. Ekde 2001 la retejo konstante pliampleksigis la videblan kaj elŝuteblan instrumaterialaron kaj tuj en majo ĉi-jare eldoniĝos KD-versio por faciligi ĝian distribuon ankaŭ al neretkonektitoj.
La retejo <lernu.net> prizorgata de E@I provizas materialon kiun mi jam uzis instrucele kiel suplementon al eksterklasaj taskoj por kurso pri Esperanto, kvankam ĝi ĉefe celas aŭtodidaktojn kiuj preferas meminiciatitan retlernadon.

Ekde 1970, la kursaro NASK en Usono donis foje eblecojn al kursanoj dezirantaj plispertiĝi pri instruado. Tiuj tamen plejofte estis limigitaj al interkursaj seminarioj aŭ al kelkaj apartaj prelegoj aŭ prezentaĵoj. En 2001, mi gvidis mallongan seminarion en la Universitato de San-Francisko pri la uzado de aŭdvidaj kaj aparte videaj materialoj kiel "*Pasporto al la tuta mondo*", kaj Derek Roff poste gvidis laborrondon pri perkomputila instruado de E-o. Ĉi-jare, ESF decidis subteni la unuan plenan trisemajnan seminarion por instrutrejnado kadre de NASK. Kun la helpo de Bill Maxey, Katalin Kováts kaj mi teame gvidos intensivan laboron teorian kaj praktikan por trejni instruantojn kaj instru-

trejnontojn. Dum la seshora labortago (tri en klasejo, tri por taskoj kiel preparado de instruprezentaĵoj) en la konata lernejo por trejnado pri lingvoj kaj interkultura kompreniĝo SIT (*School for International Training*) en Vermonto, orienta Usono, ni donos k.e.p. praktikan superrigardon pri aktualaj instrumetodoj nun uzataj por E-o aŭ adapteblaj de la instruado de aliaj lingvoj. La kursanoj mem observos la lingvoklasojn de la instruistoj, kaj preparos lecionojn kaj materialojn. La prezentaĵoj inkluzivos kiel ekspluati la plej novajn teknologiojn kiel la reton kaj E-lingvajn videofilmojn. Pro la unikeco de tiu okazo, ni planas videokapti multajn el la lecionoj por posta uzo. Pro subvencio de ESF, eblos financa subteno por kvalifikitaj partoprenontoj (skribu tuj al elleneddy@aol.com por informoj tiurilate). Pro tio ke estos malfacile ripeti en alia jaro la favorajn kondiĉojn de tiu programo, ni aparte kuraĝigas informadi pri la iniciato al ĉiuj kiuj povus profiti ĝin.

Tiu paŝo ankaŭ helpos konkretigi la enhavon kaj la celojn de la nova ekzameno pri instrukapablo kiun nun prilaboras la *Internacia Ekzamena Komitato* (IEK) de ILEI kaj UEA. Ĉiuj interesitoj pri la evoluo de tiu projekto kaj dezirantaj kontribui, per proponoj, atentigoj aŭ rekta kunlaboro, estas invititaj kontakti la sekretarion de IEK, Bill Maxey bmaxey@visi.net.

Dum ĉi tiu universitata jaro mi komencis specialan esplorprojekton kiun finance subtenas la fondaĵo Dorothy Moller ĉe *Principia College* en Usono, esplorado kiu havos apartan intereson por lingvoinstruistoj en Usono. Temas pri superrigardo pri la aktuala situacio de lingvoinstruado tra la mondo, aparte ekster Usono ĉar efektive oni malmulton scias pri kiel oni lernas, instruas, praktikas kaj taksadas la lernadon de lingvoj aliloke. Multaj opinias ke en lando kie nuntempe nur unu el ses elementlernejaj infanoj havas la eblecon eklerni alian lingvon, la nesciado de lingvoj kaj manko de kompreno pri aliaj kulturoj fariĝis kriza por ĝia pozicio en la mondo. Kion Usono povas kaj devus lerni de eksterlandaj spertoj kaj sintenoj por pritrakti tiun urĝan situacion?

Kadre de tiu laboro mi detale ekzamenas la historian kaj aktualan instruadon de E-o, la metodojn uzitajn kaj uzatajn por ĝin instrui, kaj ĝian rolon en la plifaciligo de rekta transnacia komunikado kaj la lernado kaj akirado de aliaj lingvoj.
Unu planata rezulto de tiu projekto estos sufiĉe ampleksa verko kiu en presita formo provizos al nuntempaj instruistoj kaj instruantoj de la internacia lingvo kompletan gvidilon por ilia tasko. Aperis tra la jaroj interesaj verkoj pri apartaj instrusistemoj kiel la Cseh-metodo, kaj ankaŭ pli ĝeneralaj kiel tiuj de Szerdahelyi, Rakuŝa, Barcsay, Szanser kaj lastatempe Melnikov. Tamen mankas kompleta kaj daŭre utila konsultilo facile uzebla de ĉiuj. Tio aparte necesas ĉar

plej multaj instruantoj de la lingvo ne estas profesiaj lingvoinstruistoj, kaj eĉ tiuj bezonas apartan gvidadon pri la specifaĵoj de Esperanto kaj kiel ekspluati ĝiajn avantaĝojn en la instruado.

La planata verko, kiu povus aperi eĉ trivolume kaj certe devos esti kunlabora kaj ne unuaŭtora kiel plej multaj antaŭaj, inkluzivos laŭ la ĝisnuna koncepto la jenajn sekciojn:
1. historio de la instruado de E-o: metodoj, ideologioj, projektoj, atingoj.
2. aktuala situacio kaj metodoj uzataj diversloke kaj diverscele.
3. teorioj de lingvoinstruado, lingvolernado, lingvoakirado inkluzive dulingvecon kaj multlingvecon, parte historiaj sed ĉefe aktualaj.
4. pedagogie aplikata lingvistiko de E-o: fundamentitaj diferencoj inter la instruado de gramatike kaj strukture regula internacia aŭ tergloba lingvo kaj la instruado de etnaj lingvoj. Aparta atento pri la propedeŭtika valoro de la instruado de E-o antaŭ aliaj lingvoj.
5. la indiĝenaj kulturaj valoroj de E-o kaj la kulturvaloroj kiujn ĝi povas peri, kaj kiel instrui kaj ekspluati ilin.
6. praktika manlibro pri multaj el la plej efikaj ekzercoj, ludoj, kantoj ktp. kiujn oni povas ekspluati en klasa instruado, kun ampleksaj ekzemploj de aplikeblaj uzoj de teknologio.
7. krestomatio de la plej valoraj didaktikaj artikoloj aperintaj en ĝeneralaj kaj pedagogiaj revuoj esperantlingvaj.
8. kiel plani kursojn, renkontiĝojn, instruenhavon de klubkunvenoj, kaj kiel taksi la efikecon de klaso, kurso, programo por montri kaj registri ĝiajn rezultojn kaj daŭre plibonigi ĝin.
9. novaj eblecoj por la estonteco: kion ni povas lerni de aliaj lingvoinstruistoj kaj de niaj propraj spertoj, kiel taksi la efikecon de proponitaj novaj metodoj kaj materialoj.
10. ampleksa bibliografio kun indikoj pri konsulteblo por gravaj elĉerpitaj verkoj.

Tian verkon oni povus eldoni eble nur unufoje en presita versio, sed ĝia utilo restus dum multaj jaroj. Posteldone, ĝi povus havi sian propran retejon por ĝisdatigoj kaj ligoj al utilaj retejoj. Tion ĝi jam povus havi en aneksita lumdiska formato (KD, DVD, aŭ alispeca), kun renovigitaj eldonoj laŭ la teknikaj normoj de ĉiu nova epoko en ties evoluo.

Mi invitas la legantojn de IPR proponi rektan kunlaboron pri tiuj projektoj aŭ simple sendi opiniojn, proponojn, atentigojn, ĉion kio povus esti utila. Mi ankoraŭ bezonas rektan kontakton kun instruistoj de iniciatemaj kaj elstare interesaj programoj uzantaj metodojn kiuj atingis eksterordinarajn rezultojn, ĉu

por Esperanto ĉu por aliaj lingvoj. Por tiu projekto mi invitas vian kontakton per mia profesia retadreso, charters@prin.edu, aŭ skribe al Principia College, Elsah, Illinois 62028-9799, Usono.

*D-ro Duncan Charters*
*Prezidanto, ILEI, 1993-1998*
*Prezidanto, IEK, 2000-2006*

# 37-a ILEI-Konferenco

## 14-21 aŭgusto 2004 – Bratislava (Slovakio)

*"Kultura kaj lingva diverseco en edukado"*

**Seminario pri Interkulturo:** La projekto Interkulturo daŭrigas sian bazan ideon: utiligi Esperanton por pli proksima interkonatiĝo de junaj homoj kaj iliaj kulturoj. En la jaro 2003 estis evoluigitaj, kaj estas plu evoluigataj la novaj metodiko kaj retpaĝaro. Kiel apliki kaj utiligi ilin, kiel aliĝi al la projekto kaj kion fari post la aliĝo, kiel trovi partnerojn, kiel realigi kaj konkludi la interŝanĝon? La Seminario pri Interkulturo celas respondi al tiuj kaj la koneksaj demandoj. Ĝi havas sian lokon en la konferenca programo kaj estas malferma por ĉiuj konferencanoj. Bonvolu indiki en via aliĝilo se vi deziras partopreni ĝin.

**Flugiloj de Malfacila Vento:** Ĝi estas nova projekto de ILEI kaj E@I por plivastigi kaj subteni instruadon de Esperanto inter junuloj. Dum la ILEI-konferenco okazos trejnseminario pri E-instruado por ĉirkaŭ 20 gejunuloj. La programo havos tri partojn:
1) E-gramatiko (por instrui lingvon, gravas mem profunde koni ĝin)
2) Teorio (la bazaj teorioj pri lingvolernado kaj lingvoinstruado)
3) Praktikado (nur pere de praktiko, oni vere spertiĝas kaj lernas instrui!)
Demandojn kaj aliĝojn sendu al ilei-tejo@ikso.net

**Lingva Festivalo:** Esperantistaj konferencoj estas renkontiĝejoj de plej diversaj lingvoj kaj kulturoj. Kiom ni uzas tiun unikan ŝancon por ekscii iom pli pri multaj lingvoj en mallonga tempo? Ĉiuj kiuj deziras prezenti siajn lingvon kaj kulturon, bonvolu indiki tion en sia aliĝilo. Necesas prepari popularan, ju pli amuzan des pli bone, duonhoran prelegon kaj kunporti kelkajn interesaĵojn el via kulturo por la dumfestivala ekspozicio. La prezentoj kaj ekspozicioj pri diversaj lingvoj okazos paralele en kelkaj ejoj dum unu posttagmezo.

***

**Pri la konferenca urbo**: Bratislava estas la ĉefurbo kaj samtempe la plej granda urbo de Slovakio (kun proksimume 450.000 loĝantoj). Ĝi estas ankaŭ la ekonomia kaj kultura centro de la lando. El la pluraj gravaj industriaj entreprenoj elstaras precipe la ĥemia industrio (prilaboro de nafto, fabrikado de agroĥemiaĵoj, acidoj), sed konsiderinda estas ankaŭ la maŝinkonstrua kaj elektroteĥnika industrioj. Ĉi tie troviĝas multaj lernejoj kaj pluraj altlernejoj. La situo de la urbo estas tre interesa: inter la rivero Danubo sude kaj la montaro Malgrandaj Karpatoj norde. La historia centro estas malgranda, sed turisme alloga. Vere intensa disvolviĝo de la ĉefurbo fakte okazis nur dum la lasta duonjarcento. Dominanto de la urbo estas la Kastelo de *Bratislava*, rekonstruita el ruinoj dum la dua duono de la 20-a jarcento. Krome sur la teritorio de la urbo troviĝas ankaŭ la ruinoj de la malnova slava burgo *Devín*. La klimato ĉi tie estas modera, konvena por turismo (averaĝa temperaturo dum la jaro estas +10,8 °C). La plej alta konstruaĵo en la urbo estas la televida turo (200 m), la plej alta domo estas la Centro de Nacia Banko de Slovakio (111 m).

**Vizo:** Atentu, ke la personoj el la landoj, kiuj bezonas enirvizon por Slovakio devas tion indiki antaŭ la 30-a de majo 2004. Post tiu dato ne plu eblos trakti la aferon. La partoprenontoj de la postkongreso konsideru, ke la postkongreso okazos en alia lando (Ĉeĥio) ol la kongreso. Tial oni devas prizorgi la apartan enirvizon, se ĝi estas postulata.

**Tranoktejoj:** Eblos tranokti ĉe City Hotel Bratislava (Seberíniho 9, SK-820 12 Bratislava) aŭ en Studenta Hejmo (ŠD LAFRANCONI, Nábr. arm. gen. L. Svobodu 9, Bratislava; ĉe la samnoma ponto „Lafranconi“, serĉu FAKULTA TELESNEJ VÝCHOVY A ŠPORTU UK!)

La hotelo Bratislava estas atingebla per la urbaj trafikiloj, nome per la tramoj n-ro 8, 9 kaj 14, per la buso n-ro 50 kaj per la trolebusoj n-ro 201 kaj 202.

En la hotelo estas je nia dispono ĉambroj 1- kaj 2-litaj. Ĉiu ĉambro havas privatan necesejon kaj duŝejon. Unulita ĉambro kostas EUR 48,00 tage, loko en 2-lita ĉambro EUR 29,00 tage. La prezo de tranoktado en la hotelo inkluzivas la matenmanĝon. En la studenta hejmo la ĉambroj estas 1-, 2- kaj 3-litaj. Necesejo kaj duŝejo estas komunaj kaj troviĝas en la koridoro. Unulita ĉambro kostas EUR 12,00 tage, loko en 2-lita ĉambro EUR 7,00 tage kaj loko en 3-lita ĉambro EUR 5,00 tage. La prezo ne inkluzivas matenmanĝojn. Loĝantoj en la studenta hejmo devas mem porti mantukojn. En ĉiu ĉambro estas fridujo. Kuirejo kun kuirilo estas komuna, manĝujaro kaj manĝilaro ne estas disponeblaj. La „unulita ĉambro“ estas fakte dulita ĉambro rezervita por 1 persono.

Studenta hejmo LAFRANCONI estas en la rekta trama konekso kun la kongresejo – la veturo daŭras proksimume 25 minutojn, la tempa intervalo de la tramoj estas 12 minutoj.

**Konferencejo**: Gimnazio kaj Elementa lernejo de sankta Vincent de Paul (Bachova 4, SK-821 03 Bratislava). Ĝi estas atingebla per tramoj: 8, 9, 14. Bv neniam skribi al la Konferencejo, sed nur al la Estrarano pri Konferencoj!

**Manĝoj**: En la restoracio de la Hotelo Bratislava estas disponebla riĉa bufedo kun pluraj varmaj kaj malvarmaj manĝoj. Eblas mendi manĝojn por la tuta konferenca periodo por la valoro de EUR 99,00, kio inkluzivas ekde la vespermanĝo de sabato la 14-a de aŭgusto ĝis la vespermanĝo de vendredo la 20-an de aŭgusto 2004. Je piedira distanco de la konferencejo estas aliaj gastejoj, kie eblas bonguste manĝi.

## Dumkonferencaj ekskursoj

*Duontagaj ekskursoj*

**D1 = Piede tra la historia parto de la urbo Bratislava,**

de la kastelo *Bratislava* ĝis la strato *Obchodná* (= Komerca). Fino en Slovaka popolrestoracio, tie vespermanĝo (nur por tiuj, kiuj pagis la tutsemajnan manĝon; la ceteraj pagos individue). Ĝi okazos en dimanĉo, de la 14,00 ĝis la 18,00. Prezo EUR 3,00.

**D2 = La atomcentralo Bohunice**

La centralo estas trovebla en okcidenta Slovakio, relative proksime de la urbo *Trnava* kaj la banurbo *Piešťany*, iom pli ol 2,5 km de la vilaĝo *Jaslovské Bohunice*. La suma povumo de la centralo estas 1 760 MW, enretigata ekde 1978 ĝis 1985, prezentas la plej grandan povumon instalitan en unu loko (en Slovakio). La tutjara produktita elektra energio estas 12 000 GWh, krome la centralo liveras varmon por kelkaj okcidentslovakiaj civitoj, nome *Trnava*, *Jaslovské Bohunice*, *Hlohovec* kaj *Leopoldov*. Ĝi okazos en ĵaŭdo, de la 14,00 ĝis la 18,00. Prezo EUR 20,00.

**D3 = Gabčíkovo – Danuba kanalo kaj ĉeriveraj arbaroj**

La grava surrivera vorko *Gabčíkovo* konsistas el la artefarita kanalo laŭlonge de la rivero Danubo kaj el elektrocentralo. La vorko estas plurcela: antaŭ ĉio ĝi devas protekti la vastan ĉirkaŭan regionon kontraŭ inundoj, krome ĝi faciligas tutjaran perŝipan navigadon sur Danubo inter la urboj *Bratislava* kaj *Štúrovo* kaj en la elektrofarejo produktas elektron (la povumo de la centralo estas 720 MW),

kiu prezentas 8 % de la tutjara bezono de Slovakio. Laŭlonge de la malnova fluejo de la rivero kaj de la kanalo estas vastaj ĉeriveraj arbaroj kun protektataj flaŭro kaj faŭno. Estis jam pruvita fakto, ke la konstruita sistemo eĉ plibonigis la kondiĉojn de la regiono el la vidpunkto de la vivomedio. Ĝi okazos en lundo de la 14,00 ĝis la 18,00. Prezo EUR 19,00.

**D4 = Devín – la burga ruino (pieda turismo proks. 5 km)**

La ruino de la burgo *Devín* troviĝas super la kunfluejo de la riveroj Danubo kaj *Morava*, nun fakte sur la teritorio de la slovaka ĉefurbo *Bratislava*. De ĉi tie estas belega ĉirkaŭrigardo. La burgo estas envicigita inter la memoraĵoj de la tutnacia graveco. Temas pri la malnova slava burgo, unu el la gravaj fortikaĵoj de Grandmoravia Regno, iama princa sidejo. La burgo, kelkfoje rekonstruata, funkciis la tutan mezepokon kaj dum la frua novepoko. Detruita de la armeo de Napoleono en la j. 1809. Dum la lastaj jardekoj estas ĉi tie realigata intensa arĥeologia esploro. Krom la historio eblas tie ĝui ankaŭ belan pejzaĝon. Ĝi okazos en lundo de la 14,00 ĝis la 18,00. Prezo EUR 10,00.

*Tuttagaj ekskursoj:*

**T1 = Trenčín - Piešťany – Trnava**

La urbo ***Trenčín***, nomata "perlo de la regiono ĉe la rivero *Váh*", estas unu el la plej belaj slovakaj urboj. Ĝi troviĝas en la valo de *Váh* kaj sub la roko kun la samnoma burgo. Pro sia "strategia" loko ĝi ĉiam ludis grava rolon en la historio de Slovakio. Ĝi baldaŭ fariĝis grava komerca, administra kaj industria centro de la regiono. Ĉi tie troveblas multaj kulturaj kaj historiaj memoraĵoj kaj vidindaĵoj. Ĝi havas proksimume 60 miloj da loĝantoj. Kun la cetera mondo estas ligita per bonaj koneksoj fervojaj, ŝoseaj kaj aviadilaj. Cetere la regiono estis priloĝata jam dum la ŝtona epoko. Kvankam la iama Romia Regno havis limon sur Danubo, la piedo de la romiaj soldatoj paŝis eĉ ĉi tie, kion pruvas surskribo sur la burga roko.

***Piešťany*** estas la mondkonata banurbo sur la rivero *Váh*, kun multaj hoteloj kaj kuracejoj. La kuracbanoj profitas el la varma minerala akvo, kiu fontas sur la teritorio de la urbo kaj el la ĉi-tiea kuracŝlimo. Oni aplikas diversajn akvo- kaj ŝlim-terapiojn. Kuracan efikon cetere havas ankaŭ la belega medio de la urbo mem kaj de ties ĉirkaŭaĵo. *Piešťany* famiĝis precipe pro la kuracado de la movsistemaj malsanoj.

La urbo ***Trnava*** situas en la centro de la Montetaro de *Trnava*, 45 km de la ĉefurbo *Bratislava*. Ĝi apartenas al unu el la plej gravaj slovakaj urboj, kiu ricevis la privilegion de la „libera reĝa urbo" en 1238, kiel la unua sur la teritorio de Slovakio. Jam en pratempo ĉi tie estis komerca civito, sur la kruciĝo de gravaj komercaj vojoj. En la 16-a jarcento ĉi tien translokiĝis la ĉefepiskopo el *Estergom*, dum la danĝero de turka atako. En la jaro 1635 estis fondita la

universitato, kiu ĉi tie funkciis ĝis 1777, kiam estis translokigita al la hungara *Buda*. En la urbo troveblas multaj historiaj preĝejoj, domoj, monaĥejo. *Trnava* estas ofte nomata „Malgranda Romo“. La urbo estas okazejo de multaj sociaj, kulturaj kaj sportaj entreprenoj. Ĝi havas ĉ. 70 miloj da loĝantoj.
T1 inkluzivas tagmanĝon kaj vespermanĝon. Prezo EUR 45,00.

**T2 = Modra - Červený Kameň – Pezinok**

La urbeto ***Modra*** situas en la sudorienta ekstremo de Malgrandaj Karpatoj. La unua skriba mencio pri ĝi devenas el 1158. La urban privilegio ĝi ricevis en 1361, kio ebligis ankaŭ liberan evoluon de la vitkulturado. Ekde la 17-a jc. ĉi tie intense evoluis metioj, industrio kaj komerco. *Modra* famiĝis precipe pro siaj ceramikaĵoj kaj bongusta vino.
La burgo ***Červený Kameň*** (= Ruĝa Ŝtono) situas kelkajn kilometrojn de la urbeto *Modra*. Ĝi apartenas al la plej konataj turismaj allogaĵoj de la okcidenta Slovakio, temas pri la historia memoraĵo de la tutnacia graveco. La burgo estis fondita en la 13-a jarcento.
La distrikta urbo ***Pezinok*** situas 18 km nordoriente de la ĉefurbo *Bratislava*, ĉe la piedo de la montaro Malgrandaj Karpatoj. La unua skriba mencio devenas el la jaro 1208, la „libera reĝa urbo“ ĝi fariĝis 1647. En la frua mezepoko la urbo prosperis precipe pro la orminado, sed ekde la malfrua mezepoko ĝis nun pri ĝia prospero meritas precipe altnivelaj vitkulturado kaj vinproduktado. Post la ekfunkciigo de la fervojo ĝi estiĝis la plej grava urbo de la vitkultura Malgrandkarpata regiono. En la 19-a jc. *Pezinok* fariĝis iom post iom ankaŭ industria urbo. Nun ĉi tie funkcias lignoprilabora industrio, brikfarejo, vinproduktado, ceramika industrio. El la turisma vidpunkto estas la urbo karakteriza pro sia historia centro, kun malnovaj urbanaj domoj, stratoj projektitaj laŭ la regula reta plano, restaĵoj de la iamaj urbaj muregoj. Allogaj estas ankaŭ la kastelo el la 13-a jc., 4 preĝejoj valoraj pro siaj historio kaj arĥitekturo, la renesanca urbodomo. Vintre oni povas ĝui vintrajn sportojn precipe sur la proksima monto *Baba*, somere oni povas ĝui piedan turismon en la belega montara ĉirkaŭaĵo. T2 inkluzivas tagmanĝon kaj vespermanĝon. EUR 43,00.

**T3 = La montaro Malé Karpaty (pieda turismo prosk. 15 km)**

La montaro ***Malé Karpaty*** – Malgrandaj Karpatoj – estas unu sola grandarea naturprotektata teritorio de vitkultura tipo. En la arbaroj de la montaro estas renkonteblaj precipe fagoj, fraksenoj, tilioj kaj aceroj. La teritorio estas interesa pro la abunda flaŭro kaj faŭno. La spuroj de homo ĉi tie devenas jam el la tempo de la malnova ŝtonepoko. Inkluzivita tagmanĝo (ne vespermanĝo!). Prezo EUR 14,00.

***Postkongreso en Prago kaj Bohemia Karsto, 2004-08-21/28:***

Dum la postkongreso oni havas ŝancon konatiĝi kun la malpli konataj partoj de Prago, nome kun la teritorioj de la protektata naturo. Kompreneble, tiuj kiuj ĝis

nun ne vizitis Pragon, povos fari promenon tra la historia centro. Certe oni povos vidi la naturprotektan regionon de Bohemia Karsto kaj de la grotaro de *Koněprusy*. Al la laste menciita regiono apartenas ankaŭ la plej konata bohemia kastelo *Karlštejn*, iama reĝa fortikaĵo protektata regnestrajn simbolojn.
Tranoktado en la hotelo *U České koruny**** (="Ĉe la Ĉeĥa Krono"), en la urboparto *Řeporyje*, kun la bona konekso al la urba centro. La ĉambroj enhavas proprajn banĉambron kaj necesejon, TV-SAT kaj telefonon. En la prezo estas 7 tranoktoj, 3 ĉefaj manĝoj tage, la ekskurso tra Bohemia Karsto per speciala buso, la tutsemajna bileto por la urbaj trafikiloj, 3 enirbiletoj kaj Esperanta ĉiĉerono.
La suma prezo de la postkongreso por unu persono en eŭroj.

| Tranoktado en la ĉambro: | unulita | dulita |
|---|---|---|
| La suma prezo en EUR: | 579,-- | 467,-- |

Speciala oferto aparte pagenda: Nigra Teatro por EUR 14,00.

***

**DIFINOJ**
***Membro de ILEI***: tiu kiu jam pagis kotizon al ILEI por la jaro, kiam okazas la konferenco. ***Junulo***: tiu, kiu naskiĝis post 1-a de januaro 1973 inkluzive.
**Konferenca Regularo (ekstrakto):**
6. Konferencanoj devas fari nenion, kio kontraŭas la Konferencan Regularon aŭ malutilas al la ILEI-Konferenco kaj devas submetiĝi al la leĝoj de la lando, kie okazas ILEI-Konferenco.
7. Ĉiu vendado de varoj en ILEI-Konferenco bezonas antaŭan aprobon de la Estraro, kiu starigas la kondiĉojn. Skriba peto pri tia agado estu liverita al la Estrarano pri Konferencoj nepre antaŭ la 30-a de junio de la konferenca jaro.
**La kotizo ne estas repagebla**, senkonsidere ĉu la aliĝinto ne povas partopreni la Konferencon pro propra volo aŭ pro iu ajn ekstera kaŭzo, eĉ se la Konferenco ne okazas aŭ okazas en alia urbo.
**La kotizo ne inkluzivas loĝadon, ekskursojn kaj eventuale aparte pagendajn aferojn, pri kiuj informoj kaj mendiloj aperos en IPR. La kotizo inkluzivas nenian asekuron.**
**Konferencaneco ne estas transdonebla** al alia persono.
Por la limdatoj kaj aliaj kondiĉoj validas la dato de ricevo de la pago ĉe la ILEI-Kasisto.
Aliĝilo sen kompleta pago ne estas traktata.
Kaze de malaliĝo plej malfrue unu monaton antaŭ la kongreso, la aliĝinto ricevos sian pagon krom la kotizo kaj 10 % por la kovro de la organizaj kostoj, malaliĝante ĝis 14 tagoj antaŭ la kongreso estos redonata 60 % de la pagoj krom la kotizo, ĝis 1 tago antaŭ la kongreso 40 %, malaliĝante dum la 1-a tago (kaj pli poste) de la kongreso la aliĝinto ricevos neniom.

**Aliĝante mem al nia konferenco en Bratislavo, pensu pri kolegoj kiuj ŝatus partopreni en la liga vivo, sed estas malhelpataj de siaj vivcirkonstancoj. Donaco al Fondaĵo Dazzini permesos al ni inviti junajn instruistojn aŭ kursgvidantojn kiuj alimaniere ne povus partopreni**

# ALIĜILO

37-a ILEI-Konferenco
14-21 aŭgusto 2004
Bratislava, Slovakio

Konferenca Numero:

## "Kultura kaj lingva diverseco en edukado"

*Ĉiu aliĝanto uzu apartan aliĝilon, fotokopion aŭ samformatan paperon Bv tajpi aŭ skribi preslitere per latinaj literoj. La plenigitan aliĝilon bv sendi al Atilio ORELLANA ROJAS, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando*

FAMILIA NOMO ..........................................................…VIRO/VIRINO
(por alfabeta ordigo) (forstreku unu)
PERSONA(J) NOMO(J) ........................................................ ……………...
ADRESO (nacilingve en latinaj literoj kun poŝtkodo).....................................................
.........................................................................................................................
LANDO .............................TEL N° (kun prefikso) ............................................
FAKSO..................................... RETADRESO .................................. ……….
PROFESIO/FAKO .......................................................................... …………

Mi aliĝas al la Konferenco laŭ la kondiĉoj presitaj sur la dorsa flanko kaj pagas
- al la UEA-konto ilek-a (nur se vi pagas antaŭ la 15-a de majo 2004)
- al la ILEI-Kasisto

Mi legis, komprenas kaj akceptas la kondiĉojn presitajn dorsflanke sur ĉi tiu aliĝilo.

DATO ............................ SUBSKRIBO ................................. …………..

| | |
|---|---|
| ALIĜKOTIZO (vidu dorse) | ..................... |
| ....... tranoktoj | |
| en hotelo ...-lita ĉambro* | ..................... |
| en komuna loĝejo en …-lita ĉambro | ......................** |
| Ekskursoj | ......................*** |
| Postkongreso | ..................... |
| Manĝoj | .....................**** |
| Fonduso "Dazzini" | ..................... |
| Koleghelpa Fonduso | ..................... |
| Fonduso "Erika Linz" | ..................... |
| Fonduso "Interkulturo" | ..................... |
| Fonduso "Szerdahelyi" | ..................... |
| DONACO | ..................... |
| BANKKOSTOJ | ..................... |
| ENTUTE (en eŭroj) | ___________ |

* Mi mendas tranokton ekde la ................ ĝis la ................................. en ..... -lita ĉambro
** Se vi mendas dulitan/trilitan ĉambron, bv indiki, kun kiu vi dividas la ĉambron ............………
..............................................................................................  ................................……………….
*** Bv indiki ĉi tie kiu(j)n ekskurso(j)n vi mendas………………………………………………
**** Manĝoj: Temas pri tagmanĝoj kaj vespermanĝoj en hotelo Bratislava ekde tagmanĝo de sabato la 14-a ĝis la vespermanĝo de vendredo la 21-a de aŭgusto. La tuta sumo estas EUR 99,00
Se vi aliĝas kiel handikapulo, ĉu ILEI jam havas atestilon?  jes/mi kunsendas (forstreku unu)
Mi interesiĝas pri  Seminario de Interkulturo jes (  ) ne (  )
Seminario de Flugiloj de Malfacila Vento jes (  ) ne (  )
Lingva Festivalo jes (  ) ne (  )

---

Rilate al la konferenca temo mi proponas prelegon kun titolo: ............... ……….. ……….
………………………………………………………………………………………..
(la resumo devas atingi la adreson de la Estrarano pri Konf. ĝis la 31-a de majo '04)

Mi proponas la jenan kontribuon al la distra programo: …………....……....……........
………………………………………………………………………………………

**La kotizoj varias depende de la loĝlando, laŭ jena grupiĝo:**

A: Ĉiuj landoj escepte de tiuj ĉi-sekve sub B
B: Iamaj socialismaj landoj de orienta Eŭropo; ĉiuj landoj de Azio (escepte de Israelo, Japanio kaj Korea Respubliko), Afriko kaj Latinameriko.

La kotizoj estas pagendaj al la ILEI-Kasisto laŭ jenaj vojoj:
a) al ILEI-konto ĉe UEA ilek-a, indikante: "ILEI-Konferenco", nur se vi pagas ĝis la 15-a de majo 2004;
b) al poŝtĝirkonto Nº 682117-7, nome de ILEI, Svedio. SWIFT-adreso (BIC-kodo): NDEASESS.
IBAN-numero: SE25 9500 0099 6042 0682 1177. Bv aldoni EUR 8,00 por bankaj kostoj;

Kiun ajn vojon vi elektas por pagi, bv informi la kasiston tuj kiam vi faras vian pagon: Sjoerd BOSGA, Trådragargatan 27 D, SE-72337 Västerås , Svedio
sjoerd@esperanto.se

POR ELEKTI LA ĜUSTAN KOTIZON, BV ATENTE LEGI LA SEKVAJN KLARIGOJN.

| Kotizoj en euroj validaj | ĝis 31.05.04<br>1-a periodo | ĝis 30.06.04<br>2-a periodo | ekde 01.07.04<br>3-a periodo |
|---|---|---|---|
| Aliĝkategorio | A/B | A/B | A/B |
| 1. Membro de ILEI | 40/30 | 50/35 | 60/40 |
| 2. Ne ILEI-ano | 50/35 | 60/40 | 70/50 |
| 3. Junulo, handikapulo | 30/25 | 40/30 | 50/35 |